2.ª JARO N.º 8 DUONMONATA ESPERANTO-GAZETO 15 FEBRUARO 1937

# PoPola Fronto

INFORMA BULTENO INTERNACIA PRI HISPANA LUKTO KONTRAŬ LA FAŜISMO

ELDONO DE GRUPO LABORISTA ESPERANTISTA
REDAKCIO K ADMINISTRACIO: STRATO MAR, NUM. 25 VALENCIA (Hispanio)

## LA OMBRO DE ABISENIO

Madrido estas aktuala simbolo. Madrido, per sia brava defendo, gvidas kurson, lecionon post leciono, pri homa k alta proleta honoro.

Se en diplomataj salonoj, de la internacia medio, la hispana epopeo estas nun pli klara, apartenas tiu lumo nur al heroa popolo de Madrido. Jes! tiu kuraĝa najbararo, kiu, frakasinte la atakojn de potenca faŝista armeo, donas al mondo la certan impreson, ke la perversa rondo de perfidaj generaloj ne povas gajni la militon. La grandioza defendokapablo de Madrido; ĝia sindonema heroismo k ĝia estoika fordono al kruela martireco ebligis, al hispana popolo, reakiri la prestiĝon, kiun oni perdis eksterlande, kiam la venko de la ribelintoj, kiel profesiaj spertuloj, ŝajnis facila sekvo de simpla promenado. Tamen, la oficiala agnosko, tro platona, de fervoro k obstino ne liveras maturajn fruktojn. Oni emfazas insiste, en gravaj buŝoj, pri legitimeco de la hispana registaro, pri ĝia plena rajto en deviga milito sed, samtempe, al tiu leĝa ministraro mem, oni neas, per kapricaj parolturnoj aŭ ĝentila voĉo, la necesajn materialojn por masoni la ordon en tiu deviga milito.

Hispanio, por sia defendo, ne petis financajn rimedojn; ĝi deziris nur aĉeti normale batalilojn per tuja k eĉ antaŭa pago en pura masiva oro. Anglio ne permesis preni aviadilojn jam tie akiritajn k pagitajn antaŭ ol eksplodi la ribelo; eĉ Francio, kiu, en traktato dum normala epoko, devigis akcepti sian merkaton kiel prefera por aĉeti militaĵojn, poste ne volis funkciigi la koncernan artikolon, kiam tio estis por ni plej urĝa. Antaŭ internacia milito estus akceptebla tiu konduto, pro normoj de honesta neŭtraleco, sed antaŭ interna konflikto pri publika ordo, inter sklaveco k libereco, tiu sinteno meritas malmildan adjektivon. Por la malamiko, dume, ne ekzistis limoj laŭlonge de Portugalio; tra havenoj de ribela teritorio, elŝipiĝis amasege aeroplanoj, tankoj, fusiloj, grenadoj, kartoĉoj, kiujn havigis Germanio k Italio... dum la demokrataj landoj staris ŝtone, mutaj k blindaj, konstatinte, mil fojojn, la helpon al ribelintoj fare de nacioj, kiuj solene subskribis la akordon pri ne interveno.

La melankolia ombro de l' Neguso vagas tra nia lando. Hispanio bezonas nur la ombrelon por plena similo kun la eksa reĝo de Abisenio.

Niaj plendoj nur havis rikaneman respondon: «—Donu pruvojn pri malobeo al traktato!» Pruvoj! jen stulta postulo, eĉ metinte en kaĝon la kvar italajn aviadistojn, kiuj erare falis, lastatempe en niajn vicojn, k sendante ilin, ĝis la nazoj de la intrigema diplomataro, estus oni vidanta la faktojn ĉar, laŭ hispana proverbo, neniu estas pli nepra blindulo ol tiu, kiu ne volas rigardi... La legitima registaro nur bezonas armilojn por frue k definitive estingi la militon. Densa lavango el hispanoj avidas detrui la tiranecon. Nur tiamaniere la faŝista ribelo dronos rapide, kiel la simpla popolo mem estus ĝin strangolinta jam, eĉ sen ekstera helpo, se ankaŭ la malamiko estus en la sama kondiĉo.

La milito daŭras, k povas ankoraŭ multe daŭri, pro tio ke la faŝistoj renovigas konstante sian materialon, kiu en moderna milito rapide eluziĝas, k ni tre ofte terure renkontas barojn, kun dornoj, por akiri modeste niajn defendilojn. En tiu punkto kuŝas la demando pri la daŭro k sekvoj de hispana milito, fakta minaco, kiu pendas sur la kapo de la tutmonda demokratio.

## Demokrata Faktoro

Esperanto, genia solvo de granda problemo, naskiĝis k kreskis sub la zorgema varto de iu progresema, liberala, meza tavolo de la popolo. La ideo pri lingvo internacia neniam ricevis dorlotojn inter kapitalistoj k fieraj aristokratoj.

Esperanto estas facila intelekta instrumento! tial, sen granda peno, povas akiri gravan sciencon eĉ simplaj membroj de malriĉa popolo. La natura efiko estas tre aŭtentika demokratio en la kulturo; vasta semado de klero pri la plej nobla kondiĉo de homo; valora sciado, kiu flue penetras en la cerbo k en la koro de anonima amaso, ebligante al ĝi ankaŭ ĝuadi sentojn k emociojn de polurita estetiko.

Esperanto, krom facila spirita trezoro, estas ja internacia, universala, tutmonda metodo por laŭdinda celo: interligi homojn el ĉiuj rasoj, el ĉiuj lingvoj k el ĉiuj landoj sub komuna fasko de granda familio. Ho! jen la danĝera flanko de nia movado por la reakcio, kiu bezonas, por ekzisti k daŭre suĉadi la sukon nutrigan de homaj estaĵoj, la humilan submetiĝon de malkleraj mizeruloj sen rimedo nek kapablo kompreni perfidajn mensogojn de vortoj emfazaj.

Esperanto, ĝentila k gaja kosmopolitismo, estas tute ne akordigebla kun la faŝismo, nigra faŭko de atakema ŝovinismo. Esperanto estas laŭta voĉo de la demokratio, kiu batalas nun en Hispanio; la destino de nia lingvo marŝas kun la sorto de la popolo. Jen eble tro aroga aserto k tamen vera fakto. Oni ne povas kompreni la ekziston de esperantistaj adeptoj de l' faŝismo; ili certe ne scias, ke ambaŭ celoj estas tute kontraŭaj ĉar, por prosperi nia verda idealo estas necesa la demokratio, k tiuj strangaj samlingvanoj devas akcepti tiuokaze la perdon de sia hokokruco. La faŝismo, por regaĉi en trono de abomeno, bezonas mortigi la ĝeneralan kleron, detrui la internaciajn sentojn aŭ la eksterlandajn rilatojn, enskribinte tuj, en libro de malpermesoj, la nomon de nia idiomo, k tiam certe, tiuj faŝistaj «samideanoj» devas akcepti la perdon de sia verda stelo, ĉarma aŭreolo de moralaj atributoj.

Esperanto atingos la gloron aŭ definitive pereos, laŭ venko aŭ fiasko de la demokratio en decida lukto kontraŭ la faŝismo!

Meditu pri tio, honesta esperantistaro!

**Nia milito, kiel sekvo de provoko, estas dolora plenumo de alta devo**

KOMENTARIOJ

# FORKURANTE EL INFERO...

Malgraŭ fera disciplino, spite ĉiajn barojn, konstanta forfluo de soldatoj k civilaj geviroj alvenis kuraĝe en nian lojalan zonon, de la unuaj momentoj de ĉi tiu kruela milito.

Soldatoj k laboristoj loĝantaj en urboj, kie ili ne povis repuŝi ribelon k hazarde eskapis al amasaj murdadoj, nur sin dediĉis al konstanta serĉado de plej taŭga okazo por rapida foriro, kun risko de vivo pro ebla mortpuno, unuj pro sopiro al frata kunhelpo, aliaj pro timo al teroro.

Por atingi sukcese senriskan forlason necesas faktoroj, kiuj ebligu la aperon de favoraj cirkonstancoj. Dum unuaj semajnoj, la reganta malordo iomete favoris multenombran fuĝadon, sed kiam faŝistaj trupoj iniciatis profundan, ampleksan ofensivon, tiaspecaj okazoj preskaŭ malaperis ĝis alveno de tago, kiam respublika armeo sukcesis haltigi k ofte repuŝi la sovaĝajn hordojn. Tuj forte refloris favoraj cirkonstancoj k senĉesa elfluo —kreskanta konstante—denove komencis, ĝi daŭre persistas k danĝere minacas transformiĝi subite je grava katastrofo por faŝistaj organizoj.

Aliaj faktoroj, krom militaj sukcesoj, influas la aferon k motivigas diversan fluson k malfluson de tiu homa fluado, kiu ĉiu tago kreskas rapide. Rekta propagando fluadas laŭpove al faŝistaj tranĉeoj k per laŭtigiloj k ĉiaj flugfolioj oni konigas la veron al trompitaj soldatoj k ilin invitas al tuja forlaso el faŝistaj krimuloj. Jen, kiel pruvo, la lasta alvoko sendita al malamika zono:

«Soldatoj! La monstra krimo de perfiduloj, kiuj ordonas hispanojn lukti kontraŭ hispanojn, devigas ĉiujn kiuj naskiĝis en sama lando, sub sama suno, mortigi sin reciproke. Faŝismo malŝatas vin, venu do tien ĉi! venu apud ni, por kunhelpi en lukto pri viaj propraj interesoj, por ke ni estu nur hispanoj, ĉiuj luktos por sendependeco de nia patrio, por ĝin liberigi el fremdaj manoj. Ĉu viaj interesoj estas flanke de grandbienuloj aŭ de viaj fratoj, kamparanoj k etbienuloj? Ni estas, ĉi tie, milionoj da hispanoj, kiuj iras al tiu milito devigataj de tiuj perfidaj generaloj, ni ne volas la ekziston de senlaboraj laboristoj nek mizeraj salajroj, nek mizero inter kamparanoj.»

«Maŭroj! Oni promesis al vi facilan konkeron de Madrido; tio estas malfacila, neebla. Ni luktas por nia libero k por la via, por ke generaloj ne ekspluatu vin, por ke vi returnu al via afrika lando, al Maroko, kiun vi mem devas regi, sen fremdaj militistoj, eĉ hispanaj. Venu kun ni!»

«Legianoj! En nova Hispanio vi trovos novan vivmanieron, tiun de viroj, kiuj havas antaŭ si, pli bonan estonton. Venu kun ni k vi estos, kiel ni, legianoj de la Libero. Forlasu tiujn, kiuj vin konsideras kiel bestojn, ne kiel homajn estulojn. Fratoj! venu apud ni, forlasu tiun inferon, ne helpu la perfidulojn k la invadintojn de nia patrio. Apud ni, vi trovos liberon. Vivu heroa Hispanio, kiu luktas por sia sendependo!

Por iel deteni la minace kreskantan elfluon, faŝistoj mensogas dirante al soldatoj ke ni turmentas ĉiujn kaptitojn, sed multaj el tiuj spontanee parolas, el niaj tranĉeoj, al siaj antaŭaj kunuloj k priskribas al ili la fratan akcepton, kiun ili ricevis detruante tiel friponajn mensogojn.

Alia faktoro neeviteble aperis en faŝista zono, kiu impete forpelas la devigitajn soldatojn el siaj militaj pozicioj. Ĝi estas la manko de vestaĵoj, nutraĵoj k aliaj elementoj nepre necesaj. Forkurintoj alvenas, ĉifone vestitaj k ege avidantaj abundan manĝaĵon.

Tute malfeliĉe por niaj malamikoj, ilia fera disciplino k militista rigoro jam krevis k fendiĝis pro internaj kvereloj; facilanime ili esperis rapidan triumfon fidante sen dubo je milita potenco, sed sinsekvaj fiaskoj k neeviteblaj detenoj nebuligis la venkon, kiun naive ili kredis facile atingebla. En tiom longa tedo de nevola atendo, disputoj akriĝis; fatala neplenumo de faritaj promesoj kreis novajn pli gravajn komplikaĵojn, k tia situacio, ofte preskaŭ ĥaosa, estis kelkafoje solvita perforte kun pafiloj en manoj.

Nia popola fronto, tago post tago, sukcesas ordigi ĉiajn problemojn de nuna situacio, dum faŝistaj murdistoj estas devigataj solvi konfliktojn, ĉiutage aperantaj, kio bone helpas senĉesan kreskadon de konstanta elfluo, de terurigitaj personoj el faŝista zono.

Kvazaŭ guto verŝanta la akvon el glaso, aperis nova faktoro, kiu nun jam ludas gravan rolon en tia aspekto de faŝista situacio; ĝi estas la alveno de fremdaj trupoj, ĉefe germanaj, regule organizitaj, kiuj vere savis danĝeran momenton, sed kreis konflikton rilate al komanda rolo de hispanaj oficiroj, kiuj estis subtaksataj k ofte anstataŭataj de fremdaj superuloj, kiuj senkaŝe fieras pri aparteno al superhoma raso.

Ili malafable kaptis la gvidajn postenojn k senzorge okazigis specialan animstaton en pluraj oficiroj, kiuj malfrue memoris pri siaj patriotaj sentoj k pri sia memestimo; ili ne plu povis iel toleri tian tiranecon k kun siaj familioj forkuris el la lando. Estas pli ol du cent hispanaj oficiroj, kiuj alvenis en Gibraltaro k jene deklaris:

«Ni esperas ke nova Hispanio pardonos indulge tiujn, kiuj—kiel ni —kredis plenumi sian devon, k punos tiujn, kiuj makulis gloran uniformon en lukto kontraŭ siaj fratoj. Ni agnoskas ke hispana popolo baldaŭ estos legitima mastro de tuta Hispanio per heroa triumfo.»

Kun amaro de fiasko, ili agnoskis ke nia milito sin transformis en invada milito, ke germanaj oficiroj ĉion ordonas k eĉ arestas hispanajn oficirojn.

Ankoraŭ estas interesa aspekto en tiu senĉesa elfluo. Ĝis nun la forkurintoj estis soldatoj k laboristoj, kiuj devige estis en faŝista zono. Antaŭ kelkaj tagoj same komencis signifa forkuro; iliaj veraj volontuloj, faŝistoj el popola klaso ankaŭ venas al ni.

Ni ĉiujn amike akceptas. Nia kampo, kampo de justo k libero ne estas fermita por iu hispano, kiu komprenu, eĉ malfrue, nian veron k nian pravon. Ni estas la aŭtentaj hispanoj, kiuj defendas la sendependon de invadita patrio; ni neniun persekutas pro religiaj ideoj, ĉar ni defendas ĉies liberon. Ĉiuj honestaj hispanoj povas loĝi en nia tendo.

## NUR PER VIA SUBTENO

ni vivas k kreskas en nia entrepreno, kiu pruvas, pli efike ol miloj da vortoj, ke la esperantismo estas grava potenco se oni kuraĝe scias penetri en la fundamenton de ĝia popola konsisto.

Se vi aprobas nian taskon, en tiu senco k en tiu direkto, daŭre k senlace kolektu monerojn, kiujn ni redonos al vi, iom pli poste, en formo de bela gazeto kun frazoj k trafaj esprimoj en nia utila k dolĉa Esperanto...

| Ĝenerala Internacia Adreso | Nederlanda Adreso |
|---|---|
| nur por mono | nur por mono de holandanoj |
| FARENC GUSTAVE | PETRO van der PLANK |
| 56 Rue du Parc | Van Speijkstraat, 48-I |
| | poŝtĝiro 245542 |
| ORLEANS (Loiret) FRANCIO | AMSTERDAM W. Nederlando |

REDAKCIA ADRESO POR ĈIO ALIA

**POPOLA FRONTO—Mar, 25, Valencia (Hispanio)**



La filino de la ĉefministro, k-do. Largo Caballero, disdonas ludilojn al infaninoj, kies patroj mortis en la batalfronto

# POR LA TUTMONDA PACO

Ĵus aperis grava manifesto de la Ĝenerala Unio de Laboristoj (U. G. T.) kiu tekstas jene:

«La Nacia Plenumanta Komitato de U. G. T. pretigas mobilizadon de ĉiuj laboristoj k demokratiaj fortoj, kiuj kapablas krei fortan ofensivon, en lavango favora al interesoj de hispana popolo k de tutmonda paco, minacataj de la faŝismo.

Ni ne plu forlasu, unu post alia, niajn plej bonajn poziciojn, antaŭ senĉesa ĉantaĝo de faŝistaj registaroj! Jam alvenis taŭga momento por paso al ofensivo; sola rimedo, kiu evitos la grandan katastrofon, ŝvebanta super la civilizita mondo. Ni kunvokas ĉiujn antifaŝistajn partiojn k organizojn de la tuta mondo al grandega kunveno, kiun ni proponas okazigi en Londono.

Ni deziras aŭdigi al demokratiaj k laboristaj popolamasoj, la aŭtentikan voĉon de kruela hispana realo, kiu baldaŭ povas transformiĝi en senlima tragedio pereiganta ĉies kulturon k demokration.

Walter Citrine deklaris al niaj delegitoj, dum lasta kunsido en Parizo, ke li tiam ne povis helpi decidige al hispanaj laboristoj, pro la indiferento aŭ timo, tra kiuj la angla opinio rigardis nian lukton. Sed la delegitaro de *Trade Unions* de Londono, kiu nun estas en nia lando, asertas al ni, ke angla popolo jam ekkonas la veron k forte deziras helpi la hispanan popolon.

La Plenumanta Komitato de nia Unio avidas konigi la veron, ne nur al demokratia angla opinio, sed al ĉiulanda opinio, kiu ĝuste taksas la homan dignon kun la tuta vero, por ke ili ekvidu la tujan danĝeron k kuraĝe penu eviti la grandegan buĉadon, per potencaj fortoj de demokratio, laboro k paco.

Ni, preparante jam la koncernajn aranĝojn, ĉie atingis varman akcepton pri nia projekto. La etburĝaj liberalaj partioj, la intelektularo, la junularo aspiranta al pli justa vivo, la grandaj organizoj de sindikata movado, la Internacioj de l' proletaro, unuvorte, ĉiuj antifaŝistaj fortoj estas kunvokitaj al granda mobilizado.

La hispana Ĝenerala Unio de Laboristoj ne serĉas paroladojn nek senefikajn rezoluciojn: ĝi deziras kuraĝan, kunordigitan agadon de ĉiuj. Nur tiamaniere la bruligo, kiu ruinigas ĉiel nian landon, ne etendiĝos sur la tuta mondo.

Ne plu egoisma malkuraĝo. Ni mobilizu ĉiujn; ni pasu al atako. Kontraŭ la krima faŝismo! Por la demokratio k la rajtoj de laborista popolo!»

ĜENERALA UNIO DE LABORISTOJ
Plenumanta Nacia Komitato

# AL HISPANIO

Hispanio! Land' libera,
Espera stelo de l' mond'!
Al vi, tra la globo tera,
Sin rulas potenca ond',
Estas aera tavolo
Disrompata de la vent'...
Se venkos via popolo,
Ĝi estos tutmonda venk'!
Suferantoj en karceroj,
Mizerantoj en malsat'...
Al vi iliaj esperoj,
En vi ilia bonstat'!
Ĉio al vi, Hispanio
Ĉio en via futur'!
Vin rompos perfid' nenia,
Nek ajna ega tortur'!
Plej forta estas la volo,
Plej sankta estas la ver',
Se levas sin la popolo
Je lukto por la liber'...
Ankaŭ en la sanga maro
Dronis Soveti'-patrin',
Plej aĉa mondkrimularo
De ĉie atakis nin.
Mortigis niajn infanojn,
Bruligis urbojn al ni,
Plej fiajn plenumis planojn
Tutmonda la tirani'.
Sed nek kanonoj, nek tankoj
Kondukis ĝin al efik'!
Ĵetita je ĉiuj flankoj
Estas nia malamik'.
Kreaĵo de la genio,
De nia gvidant'-geni',
La nova Konstitucio
Feliĉon gardas al ni.
Ni kun vi, hispanaj fratoj!
Ni, plentriumfintaj jam.
Al vi estas niaj ŝatoj,
Plej kora, plej varma am'!
Ni helpas vin plej fidele
Per mono kaj ĉia vest'.
Hispanio! Lando bela!
Ankaŭ venos via fest'.
Forĵetos vi aĉajn hundojn,
Vendantojn de la patri',
Ni helpas kuraci vundojn,
Kiujn perbatalis vi.
Por vi, fratineto juna,
Verda stelo de la mond',
Okulnigra, hararbruna
Por vi brilas la estont'!
Plej forta estas la volo,
Plej sankta estas la ver',
Se levas sin la popolo
Je lukto por la liber'!

Konstanteno GUSEV

# AL NOVA EKONOMIA STRUKTURO

Ekzistas certa scivolemo pri la celo, al kiu la hispanoj vojas, en la kadro de la ekonomio. Evidente, la enlanda strukturo industria k komerca, eĉ enmeze de la konvulsio de la intervena milito, evoluas al nova formo pli racia. Ne povus tio okazi alimaniere pro la forta frapo de la devigaj cirkonstancoj, skuantaj la bazon de la ekonomio.

Oni ne povas ankoraŭ precizigi, kien ni aliros ĉar nun ĉio aperas provizora. Temas ja pri «ekonomio de milito». t. e. naskiĝinta dum milita epoko k sekve, ne klare difinita. Tamen estas antaŭdireble, ke ĝi tendencas al socialigado, precipe ĉe la grandaj kapitalistaj entreprenoj. Ĝenerale, en ĉiuj kampoj de la ekonomio, la tendenco estas alpaŝi la laborista klaso al respondecaj postenoj k al kunĝuado de la profitoj de la komuna laboro de ĉiuj partoprenantoj.

Prave oni povas jam anticipi, ke Hispanio kreos sian propran ekonomian sistemon, ne laŭ reguloj kopiitaj fidele de alia lando aŭ laŭ teoria ŝablono ajna, sed laŭ sia inspiro k bezonoj kun propraj ecoj, en iela originala maniero. Espereble kreskos harmonio inter la diversaj interesoj respektindaj, ĉiam laŭ la principo de ĉies submetiĝo al la kolektiva bonstato, t.e. al la ĝenerala intereso de la popolo.

La ideo pri laboristara kontrolo aŭ interveno en la industriaj branĉoj, ne estas nova en la aspiroj de la proleta klaso k ne povas esti rifuzata kiel maljusta. La alproprigo, favora al la laboristaro, de la gravaj entreprenoj, apartenintaj al elementoj fakte subtenantaj la ribelon, estas natura rezulto de la sinteno de tiuj mastroj, kiuj celis sklavigon de la hispana proletaro. Krom tio, ekzistas kolekto da aferoj, kiuj, pro sia karaktero, postulas nepran naciigon, t. e. aparteni al la nacia posedaĵaro ĉar ne decas, ke ili daŭru estantaj privataj bienoj de iu ajn. Eventuale, laŭ la eco de tiuj propraĵoj la eksposedantoj estos aŭ ne kompensataj.

Gvidpunkto por tiu politiko estas, ke okaze de negoco apartenInta al iu ribelinto aŭ subtenanto de la ribelo, li estas senigita el siaj propraĵoj sen kompenso. Por konsideri adepton de la ribelo iun ajn, estas necesa kondiĉo, ke la koncerna persono aŭ personaro estu antaŭe kondamnita de kompetenta tribunalo. Neniel oni povas taksi kiel faŝiston, personon ne submetita al juĝo de tribunalo, aŭ ricevinta senkulpigan verdikton.

Definitivaj paŝoj ne ankoraŭ estas faritaj k ni pritaktas tiun temon laŭ la nunaj aspektoj de la afero; en Katalunio k en la Valencia regiono tre similas la agadoj pri la ekonomio. En okazo de kolektivigo, ekzemple, en Katalunio la entreprenoj devas enteni almenaŭ 100 laboristojn dum en Valencio sufiĉas 50. En ambaŭ regionoj, kiam la mastro malaperis, forlasante la gvidadon aŭ se li suferis kondamnon, estas devige kolektivigi la koncernan entreprenon, eĉ se ĝi okupas malpli da laboristoj ol la nombro antaŭfiksita.

En ĉiuj kolektivigoj normalaj, t. e. se la mastroj ne estas faŝistoj, oni permesas kompensi la senproprigitojn, kiuj cetere rajtas resti partoprenante la laboron en difinita posteno.

La kontrolo de la komerco k de la industrio, kie la dungitoj estas malmultenombraj, difinas regulojn por la funkciado k por la distribuo de la profitoj, el kiuj la mastro eltiras 40 %.

Kiam temas pri eta entrepreno estrata de modesta persono, plej ofte sen dungitoj, ĝi funkcios tute libere escepte se la interesatoj petas interkonsente kontrolon k la instancoj aprobas ĝin.

Koncerne la domojn aŭ loĝejojn (kies luprezo estas rabatita per dekreto, ekde la unuaj tagoj de la ribelo, je 50 %) ĝis nun la senproprigo trafas ekskluzive la domposedantojn faŝistajn. La tuta afero estos amplekse, en oportuna tempo, la objekto de leĝa regularo.

Rilate al la kamparo, jam la 7. de pasinta Oktobro, la koncerna ministro dekretis la alproprigon sen kompenso, de ĉiuj bienoj posedataj en la 18. Julio de personoj aŭ korporacioj malrekte aŭ senpere implikataj en la ribelo. La grundo estas donita al la simplaj kamparanoj, kiuj libervole kulturos ĝin izole aŭ kolektive, laŭ reguloj starigitaj tiucele, ĉiam kun subvencio k ĉia helpo de la ŝtato. En tiu direkto, oni atendas pluajn paŝojn laŭ la principo: «la tero por tiuj, kiuj ĝin prilaboras». Tio naskos novajn senproprigojn, kun proporcia kompenso laŭ la kazoj, en pli malpli proksima estonto. La ŝtato protektas la modestajn terposedantojn, kies rajtoj estas leĝe agnoskitaj. Antaŭvideble, la rentumo sub kiu ajn formo, malaperos.

Jen estas la esencaj trajtoj de la nova ekonomio, kiun akuŝis la ribelo de la reakciaj tavoloj. Nenio estas en ĝi aŭdaca aŭ kontraŭleĝa. Efektive, ĉio estas en ĝermo, entenata k permesata en la Konstitucio de la jaro 1931. La plej skrupula homo, deziranta ke ĉio alĝustiĝu al la fundamenta kodo de la nacio, eĉ en revolucia periodo, ne povus riproĉi eksceson, ĉar la Konstitucio ebligas la renverson de la tuta ekonomia strukturo de la lando per sistema socialigado de la diversaj riĉaj fakoj, se tiel konvenas al la intereso de la popolo. Konsekvence do, ni ĝis nun faris nur moderajn provojn por aliigi la antaŭan ekonomian bazon, kiu elmontriĝis per la sperto absolute netaŭga k tute maljusta k, kiu krom tio, kondukis la privilegiulojn al perfida k monstra ribelo.

La sociordo reganta, ĝis la 18 Julio, en nia lando krevis, pro la fakto mem de la reakcia atenco kontraŭ legitima registaro k laŭleĝa Konstitucio. Kia ajn estu la politika reĝimo, kiun definitive adoptos Hispanio, oni ekde nun povas jam esperi, ke neniel floros tiranio aŭ partia diktatoreco, sed stariĝos kunagado de la diversaj tendencoj en efektiva popola demokratio, kie forestos por ĉiam la ekspluatado de homo al homo.




Kelkaj membroj de nia redakcio staras apud la stando de POPOLA FRONTO, en la ekspozicio de libroj k gazetoj antifaŝistaj, kie amasego da kovertoj, arte aranĝitaj, montris publike la tutmondan solidaron, kiel sekvon de entuziasmaj klopodoj de la progresema esperantistaro

# LA PREZIDANTO PAROLIS!

La flama diskurso, iomete vualita per emocio, de la ŝtata Prezidanto, s-ro Azaña, la 21. de pasinta Januaro flugis admone tra la mondo kiel heroldo de vero.

En la neeblo, pro kelkaj kaŭzoj, eldoni aparte la kompletan paroladon, ni aperigas ĉi sube la plej interesan fragmenton, kies enhavon ni petas atente studi.

En la urbodomo de Valencio, antaŭ ministroj k popolaj aŭtoritatuloj, la Prezidanto parolis k, inter alio, li diris jenon:

Ni faras militon, terura milito sur la korpo de nia propra patrio; sed ni faras militon ĉar al tio oni provokis nin. Ni estas la ofenditoj; ni mem kun la Respubliko k la ŝtato, reĝimo k organo, kiujn ni havas la devon defendadi. Oni atakis nin unue, tial ni atakas nun la atakintojn. Nia pravo estas plena antaŭ la konscienco plej postulema, antaŭ la esploro plej rigora.

Sciu la tuta mondo; sciu ankaŭ ĉiuj hispanoj, kiuj batalas en unu aŭ en alia flanko! ni faras la militon kiel devon, k en la plenumo de tiu devo ni estas pretaj persisti, kun la necesa obstino, por atingi nian celon.

La problemo, ĉe la komenco, estis por ni afero interna: restarigi obeon al la leĝo! kvazaŭ grava demando pri publika ordo. Bedaŭrinde ne estis tiel; la militista ribelo, ekde la unua momento akiris la trajtojn de danĝera internacia konflikto; eĉ pli frue ankoraŭ aperis tiu karaktero ĉar, sen antaŭa k intensa laboro internacia, la militista komploto ne estus eksplodinta.

Laŭ du manieroj la ribelo akiras kategorion de grava danĝero internacia. Unue pro la afrika deveno, pro la fakto mem ke Maroko estas magazeno k bazo por la operacioj. Due pro la helpo, per materialo k eĉ armeo, kiun kelkaj nacioj liveris k liveras ankoraŭ al la ribelo.

Pri la unua aspekto, la fakto estas klara: en la parto el la hispana Protektorato de Maroko, la militistoj zorgantaj protekti la kolonion ekribelas kontraŭ la legitima registaro de la respondeca nacio. Poste ne nur ili venis persone militi en Hispanio sed, krom tio, ili tiris al batalo la hispanajn regimentojn deĵorantajn tie, ili alportas indiĝenajn trupojn, ili varbas soldatojn inter la maŭroj de la regiono k ili transformas la terenon, kie Hispanio plenumas internacian konvencion, en bazon de milita atako kontraŭ la normala ordo de la Respubliko.

Dua aspekto estas la helpo, kiun certe la ribelintoj ricevas de kelkaj eŭropaj landoj. Kiam la maŭroj ne taŭgis por la efiko de la ribelo, komencis veni al Hispanio armitaj batalionoj de aliaj landoj. Tiam la morala situacio suferas ŝanĝojn, ĉar jam ne plu temas pri civila milito, sed pri fremda invado de nia lando, k tiuokaze jam ne nur estas en danĝero la politika reĝimo, sed la aŭtentika sendependeco de Hispanio.

Antaŭ la nova demando, aperas en unua vico aliaj faktoroj pli gravaj, kiuj kreas por ĉiuj hispanoj, eĉ por la ribelintoj, problemon de konscienco.

En fluo de bona volo, mi deziras supozi, ke en la flanko de la ribeluloj estas multaj personoj blindiĝintaj pro politika pasio, pro partia fanatikeco, pro obeemo malbone komprenata k eĉ pro danĝera kamaradeco, sed kostas al mi grandan penon kredi, ke inter la ribelinta armeo ne estas multaj homoj, kiuj sentas honton, kiel hispanoj, kiam je ilia ribelo oni faras ŝlosilon por malfermi la pordon de la nacia teritorio al fremdaj invadintoj. Ribelo kontraŭ registaro, ribelo kontraŭ legitima sistemo, jen faro, kiun mi estas preta konsideri, se ne leĝa, almenaŭ akceptebla; sed ebligi la invadon de la propra lando, tion ja neniel oni povas nek devas akcepti.

Nun oni studas eksterlande pri la maniero limigi, la militon, por ke ĝi ne ekflamu je ĝenerala konflikto. Se la danĝero de nia milito kreskas, laŭ interveno de aliaj landoj, kiuj metas siajn armeojn en Hispanion, kun tro suspektindaj celoj, ni ne havas naturajn rimedojn por eviti tiun konduton. Apartenas al aliaj limigi la militon; apartenas al aliaj restarigi la obeon al la juro internacia, skandale profanita en nia landa hejmo. Sed por estingi la militon ni nur havas unu solan rimedon: ĝin daŭrigi ĝis la fino, venkobati la ribelintojn! k certe, post nia venko, ni jam konstatos, ke la neŭtraluloj k skeptikuloj agnoskas, finfine, ke ni estis pravaj!

Por limigi la militon, la Respubliko faris vundojn en sia rajto; ĝi permesis esplorojn k kontrolojn, kvankam svingante ĉiam la principon ke legitima registaro povas komerci kun ceteraj ŝtatoj; insiste oni diris al ni: «Estas konvene, por la paco internacia, ioman toleremon». La respondeca registaro akceptis, kun rimarkoj aŭ kondiĉoj, sed principe ni akceptis tion. Tamen, ha! nek por limigi la militon, nek por estingi la militon, ni estas pretaj akcepti dubojn nek ombrojn sur la hela emblemo de la Respubliko, sur la legitimeco de la reĝimo, sur la aŭtoritato de la registaro nek sur iu ajn fundamenta institucio de la oficiala ŝtato de Hispanio; pri tio, nenion, preferinde perei!

Sed ni, la ŝtato k la popolo kune, ne luktas nur por jura koncepto. Ne! ekzistas ja en nia apopeo iu nervo tremanta, histo patosa de la koro kvazaŭ kerno de nia fervoro. Ni luktas por la esenca unueco de Hispanio; ni luktas por la sendependeco de nia patrio k por la rajto de nia popolo gvidadi mem libere siajn proprajn destinojn. Por tio ni luktas!

Malgraŭ la vero oni aŭdas, en nebula propagando, ke ni luktas por la komunismo; tio estas stultaĵo krom mensogo. Se ni batalus por la komunismo estus luktantaj nur la komunistoj; se ni batalus por la sindikatismo estus luktantaj nur la sindikatistoj; k por dekstra, meza aŭ maldekstra respublikanismo nur la respublikanoj. Ne! la afero ne estas tiel. Batalas la proleto k la intelektulo, la profesoro k la burĝo—ĉar ankaŭ la burĝoj luktas—la sindikatoj k la partioj kun ĉiuj popolanoj grupiĝintaj sub la nacia standardo. Ni batalas nur por la sendependeco de Hispanio, por la libero de ĉiuj hispanoj k eĉ por la honoro de nia lando.

Ĉu tiom kostas ankoraŭ kompreni la heroan impulson de brava popolo, kiu rifuzas katenojn? Ĉu tiom konfuza estas jam, por multaj personoj, la koncepto pri libero, pri homa digno k pri nacia prospero, ke ŝajnas stranga celo lukti por io ekster la interesoj de klaso aŭ la programo de partio? Ĉu ankaŭ, la intima instinkto de libera homo k la fiero de hispano, ne sufiĉas por morti en la tranĉeoj?

Kontraŭ la tiranio, kontraŭ la despotismo, ĉiam k ĉie, via nuna Prezidanto—estro de la Ŝtato aŭ najbaro de Madrido—estos fervora k simpla soldato.

Finfine venos la paco kun la agrabla espero ke la ĝojo elverŝiĝos sur vi ĉiuj. Neniu el ni kulpas pri ĉi tiu skrapanta destino. Ni nur plenumis la angoran devon rajdi sur ĝusta nivelo en la dolora ŝtupo. Venos la paco k venos la venko, sed la venko estos anonima gloro: venko de leĝo, venko de popolo, venko de la Respubliko. Nia venko ne estos venko de gvidanto; estos triumfo de la libero, triumfo de la popolaj rajtoj, triumfo de moralaj atributoj, antaŭ kiuj humile mi fleksiĝas Tio neniel estos triumfo vanta ĉar, kiam oni taksas serene la doloron de hispano, kiun mi sentas en la animo, ne estas dece akcepti sen ĉagreno venkon kontraŭ samnacianoj. Certe, kiam via unua magistrato levos alten la laŭrojn de la venko, eble tiam krevos lia koro de fidela respublikano, k neniam jam oni scios plu, kiu suferis pli por la libero de Hispanio.

(Tondra aplaŭdado estas broĉo por la bela k sincera parolado. La ĉeestantaro stare aklamas s-ron. Azaña, prezidanto de la Respubliko k simbolo de unueco tutpopola kontraŭ la faŝismo.)

# FRENEZA DETRUEMO

Per mallaŭtaj vortoj, kun tremo en sia voĉo, larmoj en okuloj k teruro en la rigardo, andaluzia farmisto rakontis al ni...

La bieno, kie li laboris kuŝas sur la limo inter provincoj de Cordoba k Jaen; tie li pace kulturis la olivarbaron antaŭ k post la ekribelo, ĝis kiam alvenis decembra tago k la avangardo de faŝistaj trupoj, blondaj maŭroj el hitlera deveno k brunaj maŭroj el Afriko, atingis tiun lokon en impeta ofensivo.

La farmisto kun siaj familianoj, kiel aliaj laboristoj, forkuris k forlasis kun ĉagreno la amatan teron, la ŝatatajn arbojn...

Strangaj orgioj k frenezaj diboĉoj makulis bruege la noktan silenton de tiu poezia loko, ĝis kiam lojalaj trupoj denove ricevis novajn elementojn; batalionoj de lojala generalo k de Internacia Brigado efike k kuraĝe atakis rekonkere.

Germanaj maŭroj k afrikaj maŭroj estis devigataj adiaŭi la bienon. Malpaciencie k ĝojplene la farmisto revenis, sed...

—Kiam mi alvenis en la bienon, ĝi brulegis k mi vidis ion pli malbonan. Ili fortranĉis pli ol du mil olivarbojn, pli ol du mill Tio estas vere puninda krimo, ĉar necesas plurjara laborado por ke tia arbo povu doni fruktojn. Oni ne povas anstataŭi la tempon per sterko. Ho, ve, miaj olivarboj! Ne estis miaj, sed mi plantis ilin, mi zorgis ilin, mi fieris pro ili... Ne ekzistis pli belaj olivarboj en la tuta regiono.

La maljuna kamparano, fortika viro kun bruna haŭto, emocie ploris pro nekonsolebla sia doloro...

▪ ▪ ▪

En multaj lokoj de andaluzia regiono tutsame agis la faŝistaj trupoj; ili celis per rapidaj marŝoj atingi la posedon de kelkaj miloj da hektaroj, en tiu taŭga tempo, por rikolti grandan kvanton da olivoj transportotaj al Seviljo. La olivoj valoris milionojn; malgraŭ ĉio ili ne atingis la revitan plenumon de sia celo. Dum la mallonga tempo de sia mastrumado ili malhavis kamparanojn; ili ne trovis laboristajn brakojn por fari rikolton. Poste, niaj trupoj devigis ilin al rapida forlaso de tiu profitodona projekto... k ili bruligis k sovaĝe fortranĉis.

La farmisto nur trovis, sur sia amata tero, la hufan markon de faŝista hordo en freneza detruemo.


*K-do. Vandervelde*

# TELEGRAMO

## DE MINISTRO AL EKSMINISTRO, DE SOCIALISTO AL SOCIALISTO

Kamarado Indalecio Prieto, hispana socialista ministro de Maro k Aero ĵus sendis al kamarado Vandervelde, belga socialista gvidanto, jenan telegramon:

En nia lojala amikeco k en mia profunda admiro al via talento k al via imitinda politika vivo, mi trovas sufiĉan fundamenton por adresi al vi ĉi tiun telegramon de gratulo, antaŭ la ekscio pri forlaso de tiu posteno, kiun vi okupis en la belga registaro, montrante tiel vian gravan malkonsenton pro ĝia sinteno je la tragika lukto, kiun suferas Hispanio.

Kiel hispana socialisto, mi konstatas, kun doloro, la teruran paradokson ke, dum la proletaj partioj de tuta Eŭropo esprimas al ni laŭte tre varman k sinceran simpation, tiuj, kiuj en ilia nomo k reprezento konsistigas parton en la registaroj, kontribuas manovre sufoki la proletaron k la demokration de nia lando, malebligante al legitima registaro de Hispanio helpojn, kiuj neniam renkontis barojn en la juro internacia, metante legitiman registaron, garantio de pacifismo, en la saman rangon de egaleco ol ribelintaj militistoj kunligitaj al frenezaj imperialismoj, partoprenante en la malnobla farso pri akordoj, kiuj, cinike ĉifitaj de nacioj helpantaj la ribelon, taŭgas nur por nodi nin pli k pli, dum oni malŝparas subtenon por la ribeluloj. Vi, amiko Vandervelde, kun gesto aroga, savas vian socialistan historion sen makulo, k liveras al viaj samideanoj el Hispanio mildan konsolon por la granda ĉagreno kaŭzita de ŝanceliĝema k nekomprenebla konduto de aliaj elstara figuroj de la eŭropa socialismo. Tre kore vin salutas

INDALECIO PRIETO

# POR UTILA MEDITADO

Inter amaso da simpatiaj k viglaj gazetetoj de la diversaj, k tre modelaj, sekcioj de la Nederlanda Federacio de laboristaj esperantistoj, aperas «La Ĉenero», organo de la Amsterdama k unua sekcio, kie ni trovis mediitigan artikolon, kiun ni plezure represas pro ĝia instrua enhavo por la nuna tempo.

LA REDAKCIO

## LA DEVIZO: FOR LA BATALILOJN! ESTU POR LA ESTONTECO

Jam de longe mi pripensis la aferon ĉu la laboristoj devas uzi la armilojn, k mi konkludis, ke estas nepre necese, ke la tuta proletaro amikiĝu kun la armilaro, kiun ĝi tutkore malamas.

Kiam post la milito, la popoloj el diversaj landoj vidis la ĥaoson, kiel frukton de kvarjara batalado, ili havis la opinion. ke oni devas fari ĉion por malhelpi la ripeton de tia kruelaĵo. Estis precipe la laborista movado, en multaj landoj, kiu faris plej multe por la paco. Ni instigis la junularon ne plu porti armilojn k disvastigi la pacajn ideojn. Sed, ho ve! en la daŭro de kelkaj jaroj multo aliiĝis, akiris forton la plej abomena el ĉiuj malsanoj: la faŝismo. En la landoj, kie ĝi sukcesis preni la registar-aparaton, la laboristaj movadoj estis rapide nuligataj, k la benita laboro, rikolto de tiuj movadoj, ne havas jam valoron por la nuna epoko, eble nur por la estonteco.

En landoj, kie la laborista movado ankoraŭ ekzistas, ĝi havas, almenaŭ laŭ mi, la devon fari, el ĉiuj siaj membroj, la plej bonajn k perfektajn uzantojn de armiloj por ke, kiam la sovaĝuloj, kiaj estas la faŝistoj, klopodos perforte atingi sian celon, la proletaro povu diri: haltu! same kiel faris la heroa batalantaro de Hispanio, k klopodis fari ankaŭ la aŭstria laboristaro.

Provizore estas nun sankta devo de la tutmonda popolanaro venki la faŝismon, per ĉiuj rimedoj Multfoje oni povis legi, en la ĵurnaloj, ke ĉe la komenco de la hispana militista ribelo, al la leĝa registaro mankis sufiĉe da ekzercitaj batalantoj. Estis ja sufiĉe da kuraĝuloj, tamen en moderna milito, kuraĝo nur ne sufiĉas, oni bezonas spertajn soldatojn.

Estas evidente, ke la batalantoj de la «Internacia Brigado» estas kvalite pli valoraj ol tiuj ceteraj batalantoj, kiuj neniam uzis armilojn. Precipe multaj germanoj, angloj, poloj, francoj k hungaroj estas pli spertaj, ol aliaj batalantoj, ĉar ili mem partoprenis militon dum la jaroj 1914-1918. La laboristaro en landoj, kie ankoraŭ ne venkis la faŝismo, devas zorgi, tute preta, por defendi siajn rajtojn. Certe vi devas kompreni, ke ĉi tiun artikolon verkis ne frenezulo, sed homo.

La verkinto de ĉi tiuj linioj tre bedaŭras, ke li antaŭ du jaroj, ne kaptis la okazon ludi je soldato, k li rekomendas al la socialistema junularo ne rifuzi la militservon, instigante ĉiujn, kiam tio eblos, klopodi atingi ian altan rangon militistan, ĉar tiel oni povas ankaŭ tre efike servi la interesojn de la tutmonda laborista klaso, en okazo de simila aventuro, kiu nun flamas en Hispanio. POVIRO

# MOZAIKO

● Germana nacisocialista partio starigis en hispana Maroko kvar oficejojn por propagando (en urboj Tetuan, Melilla, Ceuta k Larache), du en insuloj kanariaj (Las Palmas k Santa Cruz de Tenerife) k alia en Ifni.

Adolfo Langenheim, inĝeniero, kiu loĝas en Maroko, estras la tutan afrikan organizon. Lia ĉefa helpanto estas Herbert Wilmes kiu estras la oficejon de Larache.

Inter la araba loĝantaro ili propagandas energie laŭ antijuda senco. En arabe verkita broŝuro ili diras: «La judoj estas agentoj de Francio k ekspluatas vin. Germanio persekutas judojn dum Francio protektas ilin.»

● Forkurintoj alvenintaj en niajn liniojn de Guipuzcoa sciigis ke la faŝistoj ĵus mobilizis ĉiujn virojn de 14 ĝis 50 jaroj. Tiamaniere ili celas ŝtopi la breĉojn, kiuj ĉiutage pligrandiĝas pro manko de soldatoj.

● Post la marista ribelo, niaj portugalaj kamaradoj klopodas ĉiel albatali la sufokigan premadon de la faŝista diktatoreco.

La 20. Januaro eksplodis dek tri bomboj en diversaj lokoj de Lisbono: ministerioj, hispanaj ejoj, radiostacioj k. t. p. La registaro ne sukcesis malkovri la aŭtorojn.

Ni firme esperas k ĉiuj demokrataj fortoj de nia najbara lando persiste luktos ĝis atingo de komuna sukceso.

● Ĉiutagaj eventoj bone pruvas la «ne-intervenon» de iuj landoj, sed malgraŭ tiu ofta ripetado la demokrataj landoj nenion aŭdas k vidas. Ili kaŝas la kapon, kiel strutoj.

Kontraŭ urbo Almeria, la germana militŝipo «Admiralo Grafo Spee» preparas k helpas atakon pere de hidroplanoj, kiujn ĝi kunportas.

Dum vojaĝo de insuloj Balearaj al Barcelono, franca militŝipo «Maillie Preze» estis atakita de faŝista aeroplano, kiu ĵetis ses bombojn k rapide malaperis.

Similaj eventoj okazas ĉiutage, sed malgraŭ tio la komitato pri ne interveno daŭre diskutas.

● Apud Madrido, en «ruĝa monteto», ĝusta mezo de Hispanio, niaj trupoj kaptis pli ol cent soldatojn k tri oficirojn. Unu el ili estas la komandanto Belda, kiu poste sin turnis propravole per laŭtigilo al la faŝistoj, al kiuj diris: «Kamaradoj, mi estas ĉi tie, kun la «ruĝuloj», kiuj donis al mi manĝaĵojn, vestojn k eĉ tabakon. Tie ni estis trompitaj k malsatis. Tuj kiam estos eble vi devos veni ĉi tien.»

Post tiuj vortoj, kapitano k kelkaj soldatoj de la legio venis tuj en niajn tranĉeojn.

● Franca gazetaro sciigas, ke la filo de grafo Kelcek, ambasadoro de Hitler en Parizo, mortis luktante en faŝistaj trupoj.

Ankaŭ estas kaptita nepo de Von Papen, nomata Wolfman Eynhatel, kiu luktis en norda fronto.

Germana nobelularo sindone helpas siajn hispanajn kolegojn, ĉar ili ankaŭ formis potencan fronton.

---

Eble pro hitlera instigo, generalo Franko mendis grandan kvanton da bankbiletoj en Anglio, k eble pro tio ke en tiu lando oni ne povas fabriki tiel rapide kiel li bezonas, li faris novan mendon al germana presejo *Gieseque und der Vrient* kiu fabrikos biletojn je valoro de mil milionoj da pesetoj.

Ni zorge atentigas niajn legantojn pri la fakto ke hispana parlamento aprobis leĝon nuligante la biletojn, stampitaj aŭ eldonitaj de Franko k liaj satelitoj. Ni esperas, ke niaj legantoj bone zorgos siajn interesojn rifuzante tiajn biletojn okaze de financaj kombinoj.

---

● Germanaj k italaj militŝipoj tute senhonte kunlaboras kun la ribeluloj. Ili organizas, preparas k multfoje plenumas atakojn al ŝipoj k marbordaj urboj.

● La 30. Januaro kvar nigraj aeroplanoj alvenis en nian zonon trompitaj pro la nebulo.

La aviadistoj estas arestitaj; ili samkiel la aparatoj estas italaj. Du el ili alvenis je 15 kilometroj de niaj pozicioj. Alia en kilometro 324 de la vojo de Madrido al Jaen k la kvara en Rio Jandula.

Estas ĉasaparatoj modernaj, kun mitraliloj bone provizitaj. Ni dankas la nebulon kiu permesis al ni pligrandigi nian aeran eskadron.



Tiamaniere subskribas traktatojn la faŝismo

● En suda marbordo, faŝista hidroplano atakis ŝarĝŝipon «Delfin» sed la atako restis sensukcesa dank' al iu lojala militŝipo kiu helpis.

Poste germana submareno persekutis la «Delfin» k sendis al ĝi du torpedojn, kiuj trafis k difektis la ŝipon. La ŝipanaro k la ŝipo mem estis finfine savitaj.

● Laŭ angla gazeto «Manchester Guardian» ankoraŭ funkcias en Oranexburgo (Germanio) oficejo por varbado de «volontuloj» por la armeo de Franko.

Post la necesa organiza periodo ili marŝas al Hispanio post formala kompromiso ne sciigi al iu ajn pri la celo de sia vojaĝo.

● Angla gazeto «Times» konfirmas ke la 29-an Januaro alvenis en haveno de Cadiz pliaj italaj trupoj.

Dum lastaj tagoj, en Napoli, Elochi, Salerno k.a. estas kunigitaj 9.000 soldatoj, kiuj devis eliri el Italio antaŭ la 30. Januaro, sub la komando de faŝista «konsulo» Mario Pittan, komandanto de faŝistaj milicoj.

La generalo, kiu estras la stabon de faŝista Milico, en Milano la 20. Januaro petis al siaj oficiroj, ke ili intensigu la sendon de armiloj k «volontuloj» antaŭ ol povi efektivigi kontrolon la demokrataj londoj, kiuj tiom emas la sendon de «notoj»...

● En Ifni, hispana kolonio en Afriko, la germanoj, en plena posedo, instalis aviadejon. Tiu kampo estas, provizita je stango por aerŝipoj, kiuj abunde transportis jam militistojn al tiu nova milita bazo, ĉe bordo de l' Atlantiko, je la servo de la germana faŝismo; ĝi ne bezonas peti koloniojn, estas pli facile simple preni ilin.

---

**Esperanto, sen la sana grundo de libera popolo, ne povas ekzisti**

# IMPRESO PRI LA PERDO DE MALAGO

Estus naive k stulte ne taksi, laŭ gusta valoro, la perdon de Malago, bela k riĉa urbo de la sudo. La sekvo de tiu frapo devas taŭgi por duobligi penojn k klopodojn, en la obstina intenco masoni firme la fundamentojn de grandioza venko.

En la grava epizodo de Malago, ne estas jam ĉefa temo la rekta interveno de fremda armeo, kun fremda materialo, sed la cinika partopreno, en la mara atako, de italaj ŝipoj k germanaj submarenoj. Tiu estas lasta k plej skandala interveno de la faŝistaj potencoj en la internaj aferoj de Hispanio.

Se la reakciaj bandoj ĝojas pro la supozo k tiu domaĝo forprenos al ni kuraĝon k impeton, ili absolute eraras. Ĝia sola efiko, sur la registaro k sur la hispana popolo, estas precize grupigi pli dense la fortojn k la volojn ĝis la fino, ĝis la triumfo!

Ne nur ni, hispanoj, perdis Malagon sed ankaŭ la tutmonda demokratio. Proletoj k liberalaj homoj de ĉiuj landoj, estu atentaj! Veku la dormon de viaj registaroj ĉar la faŝista konduto akrigas la danĝeron k metas la pacon de Eŭropo ĉe la bordo de abismo.

## NIA MUNICIO

| | | |
|---|---|---|
| Valencia esperantistaro | 52 | ptoj. |
| H. E.—Ludvika | 4 | svdkr. |
| Esperanto-klubo Landskrona | 12 | » |
| E. E.—Stockholm | 4 | » |
| J. F.—Nord-Scharwoude | 25 | ffr. |
| Pluraj k-doj jugoslaviaj | 65 | » |
| P.—Wien | 50 | » |
| R. K.—Arbaĵ | 5 | rub. |
| J. O.—Figueras | 5 | ptoj. |
| T. J. G.—Surbiton | 2 | ŝil. |
| C. H.—Zeist | 6'5 | guld. |
| A. R.—Barcelono | 10 | ptoj |
| J. F.—En Bas | 10 | » |
| H. P.—Parnu | 28'41 | ffr. |
| P. B.—Hohenek | 25 | ĉkr. |
| A. K.—Buschullersdorf | 10 | » |
| L. E. G.—Gablonz | 15 | » |
| B. S. Atvidaberg | 5 | svdkr. |
| B.—Orleans | 20 | ffr. |
| T.—Paris | 20 | » |
| F. M.—Le Vesinet | 15 | » |
| V. C. N.—Birmingham | 5 | ŝil. |
| H. S.—Enkhuizen | 22 | ffr. |
| X.—Zagreb | 6 | » |
| A. C.—Malo les Bains | 20 | » |
| P. G.—Saumur | 20 | » |
| F.—Le Magny | 10 | » |
| F. J.—Fecamp | 20 | » |
| J. L.—Kauleurinkaln | 34 | » |
| G. E. O.—Geneve | 24'50 | » |
| Sekcio Ferneozen | 30 | » |
| R. C.—Bures Yvette | 10 | » |
| V. R.—Paris | 10 | » |
| M. Malvil e | 50 | » |
| P. L.—Malacky | 14'85 | » |
| Liberpensula Unuiĝo en Sliedrech | 45 | guld. |
| Lab. Esp. Klubo—Stockholm | 36'85 | ffr. |
| R. H. K.—Utrecht | 66 | » |
| 302386 Bibliothécaire Souvret—Bruixelles | 21'58 | » |
| J. M.—Sollies Pont | 10 | » |
| R. H.—Lille | 10 | » |
| J. B.—Gablonz | 37 | » |
| T. N.—Malakoff | 10 | » |
| F. L. E.—Dordrecht | 50 | » |
| E. P.—Hudiksvall | 10 | » |
| E. M.—Malmó | 5 | svdkr. |
| O. S. Reichenberg | 14'81 | ffr. |
| J. V. G. H. N.—Francio | 49 | » |
| Ĉekoslv. Lab. Asocio Esp-ista | 37'17 | » |
| A. L.—Kungsor | 26'31 | » |
| D. R.—Tours | 12 | » |
| J. R. Kegmarok | 20 | » |
| R. G.—S. Nazaire | 50 | » |
| M. C.—Axvall | 4'50 | » |
| D. M.—Charleroi | 5 | bfr. |
| J. J.—Praha | 50 | ĉkr. |
| O. k H. M.—Poilly | 25 | ffr. |
| Brestaj esperantistoj | 50 | » |
| H. H.—Anial | 5 | svdkr. |
| E. F.—Vizovice | 18'51 | ffr. |
| R. H.—Visby | 50 | » |
| G. P. R.—La Feuillés | 20 | » |
| F. v. d. M.—Utrecht | 17 | » |
| B. H.—S. Nazaire | 50 | » |
| J. W.—Schlieren | 20 | » |
| F. L. E.—Sekcio Amersforta | 10 | guld. |
| Grupo «Huizen». Huizen | 75 | ptoj. |
| T. S.—Glasgow | 5 | ffr. |
| J. C. Glasgow | 5 | » |
| A. J.—Folkestone | 9 | » |
| B. M. A. M.—Manchester | 5 | ŝil. |

### HOLANDANOJ, ATENTU!

Pluraj gek-doj sendis respondkuponojn. Tio estas pli profita por la poŝto ol por ni. Nun ni havas en via lando prizorganton. Prefere sendu vian monon al k-do Petro van der Plank, van Speijkstraat, 48—I. Ĝironumero 245542—Amsterdam W. eĉ la plej malgranda donaco estos danke akceptata. Ĉiu leganto almenaŭ pagu, laŭpove, tiom, kiom al li valoras la enhavo.

## K-DO MANGADA VIVAS

La blufa propagando internacia de la faŝismo, brue sonoris anoncante la memmortigon de nia brava generalo k estimata samideano Julio Mangada.

Feliĉe por nia afero, li fartas bone k plenumas militan postenon en Albacete kun ĉiama fervoro k forta entuziasmo.

Ĉar multaj amikoj sin turnis al ni kun petoj pri tiu mensoga sciigo en faŝista diverslanda gazetaro, li mem deziras, ke nia gazeto, portu al ĉiuj la esprimon de lia VIVA danko k nedubebla konvinko pri la venko de l' popolo por povi denove, kiel esperantisto, daŭrigi, kun pleja efiko, sian obstinan laboron de paca batalanto.

## POPOLFRONTA LETERUJO

F. G.—Sueca.—Per «Pueblo Libre» ni sciiĝas pri via vigla propagandlaboro k ni gratulas vin pro ĝi.

L. E. A.—Gablonz.—Sen speciala peto, ni ne mencias ricevon de respondkuponoj, por ne depreni troan lokon el la bulteno. Ni konfirmas esti ricevintaj 25 R. K. el vi.

F. D.—Benicásim.—Notite la anhavo de via poŝtkarto. Germanlingvan leteron el vi ni ne ricevis.

A. H. — Zaandam. — Vi komprenos, ke estas malfacilego enketi pri via mendo kun ŝanco pri sukceso. Espereble, tuj kiam la koncerna kamarado estos trafinta sian celon li sciigos pri si k ne antaŭe, supozeble por eviti al si barilojn.

G. I. P.—Chaument. — Jes, ambaŭfoje alvenis viaj respondkuponoj. Dankon!

L. B. B.—Wormerveer.—Ni kvitancas por la respondkuponoj k sendos la gazeton al ĉiuj donintoj. Prefere venontfoje sendu monon al Orleáns, ĉar respondkuponoj estas malbona afero por vi k por ni.

Lab. Esp. Klubo.—Leeds.—Ni kordankas vian raporton pri la publika amasagitado k tre speciale la agadon de K-do. Sheiv.

Ch. A.—Haifo. Ni bedaŭras, ke ni kiel jam dirite, ne povas destini lokon en la gazeto por anoncoj pro manco de spaco.

L. R. P.—Paris.—Vilaĝeto «Dos Hermanas» ekzistas en provinco Cádiz (Andaluzio) kie regas la faŝistoj. Sukceso de nia afero dependas de la apogo de klaskonscia laboristaro k de liberalaj homoj en Tutmondo. Ke ĉiuj forlasu indiferenton k agu decidige k ni venkos! Monon el F. Menot, pere de Farenc ni ne ricevis. Espereble venos pli poste. Tamen ni sendas la gazeton al la petinto ekde la 4-a. numero.

G. N.—Stockolm.—Jes, alvenis la mono k ĉio alia, pro kio ni dankas vin.

A. v. d. S.—Rotterdam.—.—Per k-do. Mas, redaktoro de «Informa Bulteno, C. N. T.» Barcelono, ni ricevis, resenditaj de vi, poŝtmarkojn. Dankon, kamarado!

H. S.—Enkhuizen.—Kredeble, la resendo al ni de Farenc, de via mono iom prokrastiĝis. Ni kutimas kvitanci post akcepto tie ĉi de la monsendoj k tiel ni agos ĉi-okaze.

G. A.—Harnosand.—Sinceran dankon pro via bona laboro. Ni kredas, ke en ĉiu numero de nia gazeto vi trovos profiteblan materialon. Ankoraŭfoje ni petas vin k aliajn represigintojn, ke ili ne forgesu sendi al ni la gazeteltranĉaĵojn de la koncernaj naciaj ĵurnaloj.

G. B.—Kristiansand.—Efektive, la ĝusta adreso estas tiu, kiun vi mencias per via estimata letero.

F. K.—Lab. Esp. Soc.—Zagreb.—Ricevinte la respondkuponojn, ni notas viajn dezirojn pri la kvanto da ekzempleroj.

S. L. E. A.—K-do. E. E.—Stockholm.—Via letero de la 1.a. kuranta monato tuŝis nian koron pro la frataj vortoj entenataj en ĝi. Dum doloro, aperas la bonaj amikoj.

Presejo de J. Olmos, Alicante, 33, Valencia